2.ª Ep. AÑO VII N.° 36 (172) MARZO - ABRIL 1969




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# SEMAJNO DE INTERNACIA AMIKECO

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Str. Torre Nueva, 30, 1.° ZARAGOZA
Redacción y Administración:
Secretaría: Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.
Director: Domingo Martínez Benavente

ADRESOJ

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.°
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.°
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Bassegoda, 40, 3 - 1
BARCELONA - 14

Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.° Marina Moreno, 35, 4.° dcha.

Ĉekkonto: n.° 14114, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.

**La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H. E. F., escepte en okazo de oficiala komuniko; do pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.**

MENDU JAM:

Belajn glumarkojn de la 29-a H.E.K., folio ses glum, 3 ptoj.

Belajn bildkartojn de la 29-a H.E.K., unuo, 3 ptoj.

Belajn glumarkojn de la 54-a U.K., folio 10 glum, 10 ptoj.

Poŝtkartojn de Semajno I.A., deko, 10 ptoj.

## De Secretaría

Los esperantistas de La Laguna están preparando con todo entusiasmo la celebración del XXIX CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO, que no dudamos ha de alcanzar un verdadero éxito, realzado por la presencia de las Autoridades en las solemnes sesiones del mismo.

En cuanto a las sesiones de trabajo —base fundamental del Congreso— las reuniones de la Directiva de la Federación con los delegados de Grupos siempre han sido fructíferas y llenas de interés. Como todos los años, se celebrará la Junta General de la Federación, con sus acuerdos definitivos. Y las reuniones de secciones.

Como programa cultural e informativo, habrá cuatro conferencias por prestigiosos conferenciantes, y se instalará una Exposición de Bibliografía Esperantista. En ella, con orgullo podremos presentar los españoles la labor realizada por la —sin duda— principal editorial esperantista del mundo: STAFETO.

Y... qué diremos del programa, llamemos turístico-recreativo con el que piensan obsequiarnos?

Como no dudo que todos estáis deseando asistir al Congreso, para con vuestra presencia contribuir al éxito del mismo, para poder convivir con los numerosos *samideanoj* extranjeros que han anunciado ya su asistencia y sobre todo para no defraudar a nuestros compañeros de La Laguna que con tanto entusiasmo trabajan; si no habéis enviado ya vuestro *aliĝilo*, enviadlo enseguida, con ello facilitáis la labor de los organizadores y les demostráis vuestra adhesión desde el comienzo.

Para los que estén pensando en cómo organizarse el viaje, debo de advertir que la solemne sesión de apertura del Congreso, se celebrará el sábado 5 de julio a las 12 del medio día.

En el Libro del Congreso, sólo podrán figurar los nombres de congresistas inscritos hasta el 30 de mayo.

Inscripciones para la excursión a las Islas Canarias, con motivo del XXIX Congreso Español de Esperanto, se admiten sólo hasta el 20 de mayo.

Las plazas son limitadas.

Los billetes del avión tienen un mes de duración.

# La Laguna invitas vin!



La Laguna, fondita en la fino de la 15-a jarcento, estas unu el la plej malnovaj urboj de la Kanaria Insularo kaj la plej malnova de la insulo Tenerifo. Situanta sur pentrinda kaj fruktodona valo, 500 metrojn super la marnivelo, kun elvoka kastilia karaktero, ĝi estas sinjoreca, episkopa, universitata urbo, iam ankaŭ sidejo de la ĉefkomandanto de la Arĥipelago. Nu, tiu malnova kaj tradiciplena urbo estos la sidejo de la 29-a Hispana Kongreso de Esperanto. Tial mi provas prezenti al vi ĝian spiritan atmosferon.

La Laguna havas apartan sorĉon, kiu fascinas la vizitantojn. Tiu allogo fontas ne nur el la ĉarmo, kiun donas al ĝi la relikvoj de la tempoj pasintaj, sed ĉefe el tiu delikata inspiro, kiu fluas, tiom el ĝiaj eluzitaj ŝtonoj, kiel el ĝia religia soleco, el ĝia monaĥeja silento, el ĝia nobela malrapidemo.

Kiu sugesto estas tiu, kiun la urba kerno eligas, parfumante la menson de la pilgrimanto, se ĉi tiun varmigas la flamo de la spirito? Ne temas pri alia parfumo, ol tiu de la subtila poezio, kiun disradias la tempo forpasinta sed ne perdiĝinta; ol tiu de la tradicio, kiu distilas siajn gutetojn apenaŭ percepteblajn, sed konstantajn; gutetoj, kiuj, dum la kurado de la jarcentoj, puluras, per tute propra patino, la karakteron de la loĝantaro, kiu ĝin ricevadis; de la tradicio, kiu donas tiun mildan, moderan, diskretan tonon, kiu estas atributo de ĉio, kiun tuŝis per sia flugilo la Tempo. La tradicio, kiu animas la urbon La Laguna, aperas same en la salonoj kaj podioj de la malnovaj domoj sinjorecaj, kie ĉiam oni trovas horloĝon, kiu batas longajn horojn, kiel en la laborejoj kaj metiejoj, kie manartistoj kaj metiistoj, per sia industrio aŭ per sia arto, daŭrigas la pompon, kiun ili heredis de siaj prauloj. Se ĉe iuj temas pri ĝentileco, ĉe aliaj temas pri honorinda honesteco, kaj ĉe ĉiuj pri noblaj principoj, ĉar ĉio ĉi tio konsistigas la hidalgecon, kiu estas ja la unua virto, pri kiu juste fieras la malnova urbo La Laguna.

Tiu urbo de tradicio, nobelaj palacoj, malnovaj preĝejoj, monaĥejoj, katedralo; tiu urbo de universitato, en kies aŭditorioj kaj aŭloj okazos, de la 5-a ĝis la 10-a de julio 1969, la 29-a Hispana Kongreso de Esperanto, plenkore invitas vin al partopreno en tiu kultura evento, kiu okazos por la unua fojo sur la Feliĉa Insularo de la legendo kaj la paradiza ripozejo de la internacia turismo.

JUAN REGULO PEREZ

*Prezidanto de la L.K.K.*

*Marĝene de nia 29-a Kongreso*

# Paradizo Pretas...



PUERTO DE LA CRUZ (Tenerife)—Modernegaj kompleksoj plenaj de sunadorantoj

Ekzistas loko en la mondo, kie, en distanco de tre malmultaj kilometroj, oni pasas de neĝo kaj glacio, al suno kaj varmo; de absolute sterilaj vastoj lunsimilaj, al tropikaj kampoj plenaj de bananarboj; de krutegaj montoj vualataj de densaj nuboj, al paŝtejoj de freŝa mola herbo. En tiu loko kreskas kaj prosperas fruktoj de la Nordo, apud fruktoj de la Sudo. En tiu loko la pino ne plu sonĝas pri la sola kaj funebra palmo, kiel en la belaj versoj de Heine, ĉar ili kreskas flank-ĉe-flanke kaj la sama vento lulas iliajn branĉojn.

Apud naturaj kavernoj kaj kavoj en ĉemaraj klifoj, kie vivis la praloĝantoj de tiu loko, nun leviĝas aŭdacostilaj domoj multetaĝaj, kie homoj venintaj de ĉiuj latitudoj sin sunumas en lacerta senmoveco. Ĉe la vido de neĝkronita pinto, sveltaj najadoj en bikino spitas la impeton de la oceanaj ondoj. Ĉie la kontrastoj ĵetiĝas al la okuloj; sed super ĉio regas spirito de trankvilo kaj kontento, kaj densa silento, pri kies ekzisto konsciigas la flustro de la zefiro aŭ la surda murmurado de la maro.

Ĉu tio estas ia paradizo? Absolutaj paradizoj ne ekzistas; sed, kiam oni vidas nordaninon ensuĉi tra ĉiuj poroj de sia korpo, kun ekstaza vizaĝo, la nekredeblan sunon, lumon kaj aeron de la varma decembro, aŭ de la varma januaro, tiam oni inklinas pensi, ke, efektive, en tiu loko multaj homoj trovis kaj trovas paradizon.

Ĉi tiu ekzotika, bela, mildklimata kaj paca loko nomiĝas Tenerifo, kiu estas la ĉefa insulo, laŭ gravo, de la Kanaria Arĥipelago. La antikvuloj, malgraŭ sia



SANTA CRUZ DE TENERIFE—Havena angulo.

kostra sentemo, impresiĝis de ĝiaj bonaĵoj kaj donis al ĝi nomojn inspiritajn de nostalgio kaj de ravo.

En la insulo Tenerifo ekzistas urbo, La Laguna, kie, ĉi-jare, de la 5-a ĝis la 10-a de julio, okazos la 29-a Hispana Kongreso de Esperanto. En Tenerifo la vintro efektive ne ekzistas; sed la someraj monatoj, refreŝigataj de la alizeaj ventoj, estas same plezurigaj. En la luma, gaja julio, esperantistoj hispanaj kaj alilandaj rondiros la insulon, grimpos la montopintojn, raviĝos de la pejzaĝoj, de la lumo, de la popolaj dancoj kaj de la kanariaj melodioj. Ili admiros la apartan ĉarmon de la insulaj urboj: Santa Cruz, La Laguna, La Orotava, Puerto de la Cruz, Icod de los Vinos; la humilan vivon de la vilaĝetoj, kie la tempo ŝajnas ne flui, kaj la buntan, viglan vivon de turismaj, modernegaj kompleksoj plenaj de sun-adorantoj.

Por la hispanaj kaj alilandaj esperantistoj, ni prenas al ni la liberon prunti de Kalocsay parton de unu lia verso:

*Paradizo pretas...*

*F. de Diego*

---

## ¿Ha adquirido V. ya VOJO?

Muchas veces suspiramos los amantes del Esperanto, pensando en su difusión, por que no sean solamente las editoriales específicamente esperantistas las que lancen al mercado libros escritos en este idioma internacional o traducidos a él; pero no siempre respondemos luego adquiriéndolos, de forma que ratifiquemos con ello las esperanzas nacidas al calor de nuestra solicitud.

Recientemente fue RIALP quien decidió editar, traducido al Esperanto, la famosa obra de Mons. Escrivá de Balaguer, titulada "Camino", coincidiendo con el pasado Congreso Universal de Madrid y temo que algunos de nuestros "samideanos" no hayan valorado lo que supone como propaganda del Esperanto —aparte el valor espiritual que de su lectura, para ejercitarnos en este idioma, podamos lograr—, la adquisición de este libro. Que lo tenemos en castellano más fácil de adquirir, es cierto. Pero lo mismo ocurre con los otros idiomas a los que dicha obra está traducida. E igual pudiéramos decir de las muchas obras clásicas de literatura traducidas al Esperanto (las tragedias de Shakespeare, la Divina Comedia y tantas más) que las tenemos traducidas al castellano.

No es este, creemos, el punto de vista desde el cual debemos considerar la cuestión.

# Pri niaj kursoj

Denove la esperantistoj komencis en siaj grupoj kursojn de la lingvo internacia. Post la dumsomera ripozo komenciĝis la aŭtuna plugado kaj jen ni atendas la printempan rikolton. Ĉu ni rikoltos multnombran kaj bonkvalitan frukton aŭ ni vidos kiel kutime ke la nombro de komencintoj iom post iom malgrandiĝas kaj ke fine restas kelkaj fervoraj lernantoj, kiuj alvenos al la fino de la kurso kun supraĵa kono de lingvo?

Ni konstante spertas, ke la unuagradaj kursoj liveras samideanojn, kiuj povas legi kaj skribi Esperanton pli malpli bone, sed al ili multo mankas por havi plenan konon pri la mekanismo de la lingvo. Ĉeesto en supera kurso estas nepre necesa por kompletigi la embrian konon. Tamen, grandaj malfacilaĵoj prezentiĝas por efektivigi tion. Unue la grupo ne trovas facile spertulon, kiu povus preni sur sin la taskon de vere supera kurso kaj ne ĉiu lingve sperta esperantisto taŭgas por tiu ofico. Krom tio, la malsano de neperfekteco estas mal nova kaj esperantistoj el la unuaj rikoltoj ne estas sufiĉe poluritaj por doni la necesan helpon al la novaj. Ili neniam metis al si en la kapon, ke ili devas ellerni la lingvon.

Nia kara kunbatalinto Hodler iam diris en tre interesa artikolo, parolante pri la novaj lernantoj "kiam oni povas iom paroli pri elementaj aferoj, oni rezignas je plua studado". Prave, vi facile povas konstati kiel sensignifa nombro ĉeestas superan kurson. Kio do fariĝis el la unuagradaj lernintoj? Tute simple; aŭ ili supozas ke la atingita scio sufiĉas por interŝanĝi sensencajn poŝtkartojn, aŭ ili pensas, ke ilia kapo ne taŭgas por plua studado. Ili ankaŭ povas esti instigataj al la forlaso de la komencitaj studoj, kiam ili trovas, ke Esperanto ne donas hodiaŭ sufiĉe praktikan profiton.

Ne estas nia intenco longe paroli pri la hodiaŭa utileco de nia lingvo internacia. Ni celas precipe iom helpi al la enradikigo profunda kaj vera de la lingvo. Pri la utileco, flanka aspekto de idealistoj, ni povus trovi argumentojn kaj pravigojn sed tio ne estas nia celo.

Esperanto, krom la flanko amuza, el kiu oni povas eltiri laŭvolan porcion —kion cetere oni faras tre malavare— havas pli altan kaj noblan celon en la mondo, ol interŝanĝado de poŝtmarkoj, poŝtkartoj senenhavaj k. t. p. Por tio sufiĉas supraĵa lernado; por tio estas sufiĉa kelksemajna studado. Tiaj esperantistoj restos en niaj vicoj ne pli longe ol ĝis ilia kolektemo aŭ scivolemo estos kontentigita. Certe ni povus fari iun escepton kaj konstati ke post la vekita scivolemo venas plena sindono al la internacilingva afero.

Ĝenerale neniu estas malkapabla por ellerni Esperanton. Volo estas sufiĉa por tio kaj ne granda intelekto. Pli ol unu fojon mi konstatis en miaj kursoj, ke pli multe progresas en la lernado ne tiu, kiu havas lingvistikajn konojn kaj ĝeneralan intelektan kulturon, sed tiu, kiu sin donas plene al la studado, kies entuziasmo kaj lernemo kompensas la mankon de instruo.

Sekve, kion oni devas fari por konservi la maksimuman nombron da lernantoj kaj eltiri plej altan pozitivan profiton el niaj kursoj?

Antaŭ ĉio oni devas elekti —se oni povas elekti, kompreneble— taŭgajn gvidantojn de la kurso. Ni jam diris pli supre, ke ne ĉiu esperantisto taŭgas por instrui Esperanton. Ne sufiĉas, ke la instruanto parolas kaj skribas korekte la lingvon —en nia nacia lingvo mem ne ĉiu kiu uzas la lingvon bone, povas preni sur sin la gvidon de kurso—: estas necesaj kelkaj apartaj kvalitoj por doni vivon al la kurso, konservi la lernantojn en konstanta intereso kaj reteni ilin apud si ĝis la fino de la kulturata verko.

La kursgvidanto sondu la psikologion de ĉiu nova adepto, li esploru kaj eltrovu la inklinojn de la varbito por trovi la ĝustan malfermaĵon tra kiu li inokulos la semon de intereso, sindonemo kaj asimilo. Se li sukcesis sur tiu ĉi vojo, se li tiamaniere povos altiri la valorajn elementojn novajn, tiam facile malfermiĝos rekta vojo por sentigi la spiriton de la lingvo.

Kiel ĉiuj naturaj lingvoj, Esperanto, ne malpli natura ol ili, kiel pruvis diversfoje nia kara profesoro Dalmau, havas sian propran personecon, sian spiriton. Se la uzanto ne konatiĝas kun tiu spirito, tiam la lingvo fariĝas peza kaj nefleksebla, sed se oni venkas ĝin, oni renkontiĝas kun elasteco, fleksebleco, kiuj mirigas la lernanton pli kaj pli.

Ni multobligu niajn klopodojn por doni al la kursoj la maksimumon da favoraj ŝancoj por reteni la konvertitojn kaj tiel ni evitos tian amasiĝon de lingvaj mallertuloj, kiuj ne sentas inklinon legi niajn gazetojn, niajn literaturajn verkojn k.t.p. Tia rezultato ne estas naskita de la lingvo mem, ĝi ne devenas de individua mallerteco: ni mem estas kulpaj, ke ni ne sufiĉe kulturas la ellernigadon. Ni propagandas kaj uzas niajn fortojn por la elementaj kursoj kaj al la superaj ni donas flankan gravecon kaj vivon tre mallongan.

Tro ofte ni propagandas, ke Esperanton oni povas lerni en la daŭro de kelkaj horoj, ne atentante pri tio, ke ĝi postulas kelkajn monatojn de profunda studado, konstanta ekzerciĝado kaj praktikado. La lernantoj estas tiel konvinkitaj, ke kelkaj lecionoj sufiĉos por koni la novan lingvon, ke ili forlasas la studon post kelka tempo konstatinte ke la afero ne marŝas kiel ili antaŭsupozis.

Ni diskonigu la facilecon de Esperanto, sed ni ne diru tion tiel ke oni povus kredi pri absoluta facileco. La facileco de la Zamenhofa verko rezultas el la malfacileco de la naciaj lingvoj kaj nur kompare al ili ĝi prezentas tiun altan gradon de supereco kaj facileco. Ni diru al la novaj lernantoj, ke la tasko, kiun ili entreprenas, postulas sinoferemon, konstantecon kaj intelektan streĉon. Se ni agos tiel ni evitos, ke multaj homoj eklernas la lingvon kaj poste fariĝas ĝiaj malamikoj.

Nun, ĉe la komenco de la lastaj kursoj, ni pripensu kiel grava estas nia instrua tasko por la bono de nia afero. Ni klopodu por ke la novaj varbitoj ĝisoste konvertiĝu.

*S. Alberich Jofré (†)*

## INTERNACIA RENKONTIĜO EN PERPIGNAN

LA 8-an DE JUNIO 1969

La dimanĉon, 8-an de junio 1969, la esperanto-grupo de Perpignan (Francujo) organizos internacian renkontiĝon inter la esperantistoj el la sudo de Francujo kaj tiuj el la nordo de Hispanujo.

Partoprenos tiun kongreseton D-ro André ALBAULT, Prezidanto de Unuiĝo Franca por Esperanto, kaj D-ro Miguel SANCHO IZQUIERDO, Prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio.

Jen estas la programo:

— je la 10-a matene, ĉe salono "Arago", en la urbdomo de Perpignan akcepto de la partoprenantoj. Festparolado de D-ro ALBAULT.

— je la 12-a: la urbestro S-ro Paul ALDUY, oferdonos honoran vinon.

— je la 13-a: tagmanĝo ĉe restoracio "Le Rallye".

— je la 15 h 30: aŭtobusa promenado laŭ la nova vojo inter la maro kaj la lagetoj de Barcarès ĝis Leucate.

La karavano revenos en Perpignan, je la 7-a vespere.

La prezo de la partopreno al la kongreseto (kiu inkluzivas la tagmanĝon kaj la promenadon) estas fiksita je 30,00 FF.

Ricevas la aliĝojn kaj la monon: Centre Culturel Espérantiste, 5, quai Vauban. 66 - PERPIGNAN (Francujo). Poŝtĉekkonto n-o 1.343-58 en Montpellier.

## EĤOJ DE LA 53-a UNIVERSALA KONGRESO

Post la U.K. oni ricevis en nia sekretariejo dankesprimojn kaj gratulojn el diversaj landoj pri la bonaranĝita akceptado ĉe la perono de la fervojstacioj de Barcelono kaj Madrido fare de la Esperantista fervojistaro okaze de la alveno de gesamideanoj el la tuta mondo al U.K. de Madrido. Tio multe kontentigis la HEFA-anojn, ĉar tio pruvas ke kvankam tre modeste, nia informejo sufiĉe helpis ilin dum la unuaj momentoj de ilia elvagoniĝo en Hispanujo, aranĝante iliajn vojaĝbiletojn, tranoktadon, gvidadon tra la urbo, ktp.

## 21-a I.F.E.F. KONGRESO EN AVIGNON

Ĝis la 15-a de marto aliĝis al nia fervojista kongreso, 42 hispanaj geesperantistoj. Ili estas la plej nombraj el ĉiu kongresoj kiujn ĝis nun partoprenis hispanaj esperantistaj fervojistoj. Kio pli kontentigas nin, tio ne estas la kvanto sed la kvalito; preskaŭ ĉiuj parolas tre bone la Esperantan Lingvon. Tio faros al ni pli facila la laboron dum la kongreso.

Same kiel en pasintaj kongresoj, nia reprezentanto transdonos nome de nia fervojestraro, donacon al la ĉefa direktoro de la franca fervojo. Ankaŭ de la urbestro de Tarragono ni ricevis donacon transdonotan al lia kolego de Avignon en la momento de la akceptado al la landaj delegitoj en la urbodomo.

## EKSKURSOJ

Dum la 21-a I.F.E.F. Kongreso en Avignon, okazos diversaj ekskursoj; jen la datoj kaj kelkaj detaloj pri tiuj ekskursoj:

Lundon la 19-an de majo. — EKSKURSO AL UZES KAJ PONT DU GARD.

Uzes situas je 39 Kmj. okcidente de Avignon kaj enhavas 6.500 loĝantojn. Iam ĝi estis ĉefa dukejo en la franca reĝlando. En la valo estas videblaj la fontoj de Eure, kiuj dum la romia epoko estis direktitaj al urbo Nimes trans la rivero Gard per la impona akvedukto "Pont du Gard".

En la urbeto, rimarkinda estas la rondforma kampanilo "Tour Fenestrelle" unika juvelo lokita inter la plej famaj konstruaĵoj de la XII-a jarcento. Proksime estas la katedralo kiu posedas belegan orgenon konstruitan en la jaro 1685 kaj perfekte konservitan. Aliaj mirindaĵoj estas la duka kastelo kun sia luksega fasado kaj la granda placo de Hervoj. De la promenejo "Marronniers" oni povas admiri unu el la plej belaj panoramoj en tiu provinco.

La "PONT DU GARD" situas je 25 Kmj. de Avignon; ĝi estis parto de la romia akvedukto 41 kilometrojn longa konstruigita de imperiestro Agrippa. La akvo fluis per simpla deklivo, kies grando estis meznombre 34 centrimetroj po kilometro.

Tiu kolosa konstruaĵo, 49 metrojn alta kaj 269 m. longa, havas imponan belecon pro sia triobla arkaĵaro trietaĝa. Oni povas atingi la supron de la ponto kaj ĝin trairi piede aŭ uzi la akvokanaleton 1,22 m. larĝa kaj 1,45 m. profunda, ankoraŭ parte kovritan per imponaj ŝtonplatoj. Oni apenaŭ imagas kiel eblis kunporti ĝis la supro ŝtonojn pezajn je ses tunoj.

Merkredon la 21-an de majo. — EKSKURSO AL ARLES KAJ KAMARGA REGIONO. — La urbo Arles situas je 45 Kmj. sude de Avignon; ĝi estas malgranda urbo sed unu el la plej interesaj en Francujo pro siaj romiaj antikvaĵoj. Eksromia kolonio, Arles konis grandan prosperon dum la reĝado de la imperiestro Aŭgusto. La amfiteatro havis sidŝtupojn por 26.000 spektantoj. De la supro, oni vidas la riveron Rodano, la kamargan regionon kaj la montareton Alpetoj.

Tre agrable estas promeni piede sur la Elizeaj Kampoj ĝis la nekropolo. Estas vizitinda la muzeo de skulptaĵoj kaj la preĝejo Saint-Trophine; ĝia granda kapelo datiĝas de la XII-a jarcento.

Sude de Arles situas la kurioza regiono nomata Kamargo. Ĉirkaŭata de la fluejoj de la Rodano, tiu duontera, duonakva regiono konservas sian propran karakteron kaj tradicion. Kamargo estas la kampo de virbovoj kaj sovaĝaj ĉevaloj. Brutaro sin paŝtas sur vastaj terenoj de 3.000 hektaroj. Tial la bovgardistoj ĉiam vojaĝas rajdante sur blankgrizaj ĉevaloj kiuj, kvankam dresitaj, ĉiam estas duone sovaĝaj.

Post la vizito de la zoologia kaj botanika parko ni revenos traveturante la rizkampojn; ĝi estas la nova riĉaĵo de Kamargo.

*Rafael Devís*

# BAGATELOJ

Kanti laŭte nun mi devas
pri la urbo, dum mi revas.
Pri la stratoj Zaragozaj,
pri la vojoj kuriozaj
kie la knabaĉoj kantas;
kie la virinoj vantas
kiam fajfas la sinjoroj
(anstataŭe de la "floroj")
kaj detenas sin survoje
por rigardi foje-foje
ĉu vizaĝon ĉu talion
ĉu de l' paŝo la gracion
aŭ la krurojn; eĉ la veston
aŭ la rimenitan beston
kiun trenas la virin'
por priatentigi nin.

Dum somero ĉi okazas
sed dum vintro... ĝi emfazas
nur ventegon nur glacion
malaperigantajn ĉion
el la placoj kaj stratoj:

Dum la tristaj kvar monatoj
tie restas nur la ŝlimo
por altiro de l' retino;
de la ruboj la haladzo
por la ĝuo de la nazo
kaj nor skrapi en oreloj
la tramglito sur la reloj.

*Vinagrulo*

# PRINTEMPO

**(Rapida skizo)**

**Post freŝa mateno**
**Sekvis plaĉa varm,**
**Natur' kun soleno**
**Sin vestis kun ĉarm'!**

Ekkrevis burĝono,
Plenkreskis foli',
—Elir' el prizono!
Tio estis ĝi.

Susuroj en fonto,
Saltis riveret',
Ĝi fluis sub ponto,
Kaj trilis birdet'.

Verdiĝis l' arbaro
Kaj herboj sur ter'!
—Ornam' de kamparo
Lekantoj kaj herb'!

—ĜOJA HARMONIO!
—NE PLU FROSTA TREM'!
—FLUGIS PAPILIO!
—ALVENIS PINTEMP'!

*M. de Elezcano*

---

EKSKURSO AL KANARIAJ INSULOJ *de la 2-a al la 14-a de julio 1969*

| | |
|---|---|
| 2-7-69 | Matene je la 10-a h. forveturo de Madrid per aviadilo **JET "T".** Je la 11,45 h. alveno al Santa Cruz de Tenerife. Je la 16,30 h. per aviadilo IB/265 "T" veturado al **La Palma.** Je la 17,05 h. alveno al Santa Cruz de La Palma. Vespermanĝo kaj loĝado en hotelo 1-a **B** Kategorio. |
| 3 kaj 4-7-69 | Santa Cruz de La Palma. Kompleta pensiono en la hotelo. |
| 5-7-69 | Matenmanĝo en la hotelo. Je la 9,05 h. reveturo al Santa Cruz de Tenerife per aviadilo IB/262 "T". Je la 9,40 alveno al Tenerife. Loĝejo en Tenerife mendota rekte al la Loĝiga Servo de la Kongreso. |
| 11-7-69 | Je la 11-a h. per aviadilo IB/094 "T" forveturo al Las Palmas. Je la 11,30 h. alveno al Las Palmas; vespermanĝo kaj loĝado en hotelo 1-a B Kategorio. |
| 12 kaj 13-7-69 | Restado en Las Palmas, duonpensiono en la hotelo. |
| 14-7-69 | Matenmanĝo en la hotelo. Je la 8,20 h. reveturo al Madrid per aviadilo IB/002 JET "T". Je la 12-a alveno al Madrid. |

Prezo de la ekskurso po persono, en dulita ĉambro kun banĉambro 10.842 ptoj.
Prezo de la ekskurso po persono, en unulita ĉambro kun banĉambro 11.037 ptoj.

**Pliajn informojn vi povos ricevi en Sekr-ejo de H.E.F.**

## Juan Anguita Galán

Jus mortis en Jaen, je la alta aĝo de 80 jaroj, nia kara samideano S-ro Juan Anguita Galán.

Malnova kaj entuziasma esperantisto, vera pioniro de nia idealo, de la komenco de ĉi tiu jarcento, senĉese laboris por disvastigi nian noblan celon, same gvidante Esperanto-kursojn kiel en la propagando de nia lingvo kaj ideo.

PACE RIPOZU nia bona amiko!!!

Por lia familio nian plej sinceran kondolencon.

## D-ro. Antonio Alemán Ruiz

La 3-an de la pasinta decembro 1968, forpasis en La Habana, D-ro Antonio Alemán Ruiz.

Elstara esperantisto, klera homo kaj unu el la plej grandaj pioniroj de la monda Esperanto-movado, li fondis la unuan landan asocion en Kubo kaj la revuon "Latinamerika Esperantisto".

D-ro Alemán Ruiz dediĉis sian tutan vivon al la disvastigo kaj kono de nia kara lingvo internacia. Ke lia memoro estu por la junaj generacioj, instigilo por daŭrigi la vojon de nia Majstro signitan.

PACAN RIPOZON AL LI!!!

Por lia familio kaj por niaj samideanoj el Kubo, kiuj tiel kortuŝe informis nin, nian plej sinceran kondolencon.

## Andrés San Pedro Gonzalez

El próximo pasado día 13 de marzo, y a los 79 años, dejó de existir en Bilbao el veterano esperantista don Andrés San Pedro González.

Asociado al antiguo Grupo Esperantista de Baracaldo, este entusiasta "samideano" siempre tomaba parte activa en todos los actos organizados tanto por el extinguido Grupo de Baracaldo, como por el de Bilbao, permaneciendo fiel a nuestro movimiento hasta el momento de su fallecimiento.

Hombre bueno y cordial y estimado por todos sus compañeros, su muerte ha dejado un vacío, no solamente entre sus inmediatos familiares, sino también entre todos sus compañeros y amigos, y entre todos los esperantistas de Vizcaya.

Acompañamos en su justo dolor a la familia del finado don Andrés y rogamos a todos una humilde oración por el alma del finado.

*L. de O.*

## P. Joan Comellas Sch. P.

La 12-an de marto, mortis en Moyá (Barcelona), P. Joan Comellas Sch. P. Li estis 92 jaraĝa.

Esperantisto de la unuaj jaroj de nia jarcento, jam okaze de la V-a Universala Kongreso en Barcelona, li partoprenis la tiamajn Florajn Ludojn. Dum la tuta vivo li restis fidela al nia nobla ideo kaj ĝis la lastaj tagoj li okupiĝis pri Esperanto.

LI PACE RIPOZU!!!

## Francisco Moreno

Post longa malsano, forpasis en Valencia nia samideano S-ro Francisco Moreno.

Malnova kaj entuziasma esperantisto, fervora Federaciano ĉiam laboradis por disvastigi nian noblan idealon.

PACAN RIPOZON AL LI!!!

Nian plej sinceran kondolencon al la familianoj.

# KLARIGO

La Aŭstria Esperantista Federacio petis al ni, ke ni klarigu informon, kiu aperis en lasta numero de BOLETIN sub rubriko DIVERSAĴOJ.

Volonte ni represas la leteron de la Prezidanto de A.E.F., kaj samtempe ni klarigas, ke ni aperigis tiun informon, ĉar ni ĝin ricevis por publikigo, senditan rekte el Vieno.

AŬSTRIA ESPERANTISTA FEDERACIO
*Österreichischer Esperantisten-Verband*
WIEN - XV, Fünfhausgasse 16

Vieno la 3-an de februaro 1969.

Al la redakcio de "Boletín".

Estimataj!

Ŝajnas ke la Esperanta gazetaro ricevis iun cirkuleron kun jena teksto: SUKCESO POR ESPERANTO ktp., kiun vi represis sub "diversaĵoj" en via "Boletín" N-o 34 (1705).

Dum la unuan parton de la informo ni ne povas ekzameni, ĉar ni mem ricevis neniun informon pri tio, ni devas akcenti, ke la aserto, ke la sektece fondita unuiĝo kun la titolo "Aŭstria Esperanto-Movado" estas nun la plej granda Esperanto-organizo en Aŭstrio, estas malĝusta, ĉar tiu estas ankaŭ nun la Aŭstria Esperantista Federacio, aliĝinta al U.E.A. Nur parteto de la aŭstriaj esperantistoj membriĝis al tiu sekteca unuiĝo, cetere ne forlasante A.E.F.-on, kies membroj la plej multaj inter ili estis kaj estas ankaŭ nun. Tiu parto de la anonco do nur povis okazi erare se ne trompe.

Cetere ankaŭ la fondo de la citita junulara grupo okazis en kadro de A.E.F.

Ĉar vi publikigis la cititan informon sen ekzameni ties verecon, bonvolu nun honore publikigi ankaŭ la supran ĝustigon.

*Samideane por A. E. F.*
D-RO L. GRIMME
*Prezidanto*

## UNU PLIAN FOJON

Nun, estas nia samideano S-ro José Andrés Aldana, kiu devis sin prezenti al konkursa ekzameno, por ekaparteni al Ŝtata Generala Administrantaro.

Inter la objektoj pri kiuj li devis sin ekzameni, estis lingvoj, kaj inter ili, samrajte kun la ceteraj vivantaj lingvoj estis Esperanto.

Li bone sukcesis en la ekzameno kaj atingis la deziritan postenon.

Koran gratulon al nia kara amiko.

---

Kiam por la Sociaj Diplomitoj (Graduados Sociales) estis deviga la scio de moderna lingvo —krom la nacia—, Esperanto estis samrajte konsiderata kiel la ceteraj vivantaj lingvoj. Nun, tiu konsidero estis atingita en oficiala konkursa ekzameno...

Pripensu la esperantistoj, kaj antaŭ ĉio klopodu ne nur lerni, sed ellerni la lingvon.

Multajn fojojn ni aŭdis pri la bezono enkonduki kursojn de Esperanto en la Universitatojn. Por lernigi Esperanton en Universitato oni bezonas, ne nur flue paroli, sed koni la lingvon ĝisfunde; kaj ankaŭ ĝisfunde koni la nacian lingvon. Tial ne estas pli granda nombro da Katedroj de Esperanto en la mondo.

# SEMAJNO DE INTER

*ZARAGOZA*

Laŭ la indikoj de la estraro de H.E.F., la Esperanta Societo FRATECO festis la Semajnon de Internacia Amikeco kune kun "Asociación de Antiguos Exploradores y Guías de España".

La 15-an vespere, invititaj de FRATECO, ĉiuj kunvenis en la sidejo de nia asocio. Granda entuziasmo kaj harmonio regis en la kunveno, kiu estis plena je espero por la sukceso de la Semajno, kaj de ĝia signifo; "Amikeco trans limoj"... ke tiu frazo ne estu nur vortoj, sed reala fakto.

La gajeco kaj simpatio de la gejunuloj plenigis FRATECON per ridoj kaj bona humoro, belaj fraŭlinoj regalis la ĉeestantojn per "Hispana Vino" kun manĝetoj, kaj ĉiuj tostis por ke la suno akompanu nin dum la tuttaga ekskurso al Valdegurriana, la 16-an.

Dimanĉon matene, la vetero ne estis bela, forta vento blovis, sed por harditaj geskoltoj tio ne gravas. Frumatene, trupoj de "Guias de España" (skoltoj kaj skoltinoj), kampadis en Valdegurriana, —monteto proksima al Zaragoza—; junaj geesperantistoj kampadis kun ili jam de la komenco. Je la 11-a horo longa vico da aŭtomobiloj alvenis al la tendaro... Estis la horo fiksita por tie celebri la meson kaj familianoj de la geskoltoj kaj la esperantistoj akurate alvenis por pasigi la tagon en amika kamaradeco.



Rotoj de la diversaj Trupoj de geskoltoj formaciis. Post hisado de la flagoj kaj kantado de la Himno, S-ro Pedro Marqueta reprezentanto de Skolta Esperantista Ligo por Hispanujo, parolis al la ĉeestantaro.



Unue li akcentis la koincidon de noblaj celoj en ambaŭ movadoj, skolta kaj esperantista, kaj kiamaniere unu estas kompletigo de la alia.

La skolta movado, vere internacia, disvastigita tra la tuta mondo, certe bezonas la uzadon de Esperanto por faciligi la kontaktojn inter la skoltoj diverslandaj, ĉu per korespondado, ĉu en Ĵamboreoj aŭ internaciaj tendaroj.

Por akceli la sukceson de tiuj kontaktoj unu helpa lingvo estas jam pli ol konvena, necesa.

Li rakontis pri siaj spertoj en internaciaj renkontoj, kaj ĉefe en la tutmonda ĵamboreo de Gödöllö, apud Budapeŝto, en la jaro 1933, kiam 33.000 skoltoj el tre diversaj landoj gaje tendumis.

La celo de esperantistoj disvastigi la lingvon, neniam povas trovi pli taŭgan grundon ol en tia junulara movado, plena je noblaj idealoj por paco kaj homa interfratiĝo. Ambaŭ movadoj sin kompletigas reciproke. Pro tio ni esperas ke la skoltoj baldaŭ amase lernos Esperanton.

# NACIA AMIKECO

Kiel esperplena signo, jen nia kunveno en liberaera scenejo. Por la proksima tutmonda ĵamboreo en Tokio, nia tasko estu prepari la skoltojn bone regi la helplingvon ĉar nur tiamaniere ili povos en vera amikeco interparoli kun geskoltoj el la ceteraj landoj.

Tondra aplaŭdado premiis la paroladon de S-ro Marqueta.

Tuj sekve skoltoj kaj skoltinoj el la diversaj trupoj prezentis gimnastikajn ludojn; dume, aliaj pretigis la manĝaĵojn.

Estis jam la sesa vespere kiam malhisinte la flagojn, oni revenis hejmen.

Bela travivaĵo kiu sentigis ĉiujn junaj.

La 20-an vespere, en la sidejo de "Asociación de Antiguos Exploradores", S-ro Marqueta prezentis tre interesan kolekton de diapozitivoj.

La 22-an vespere, en grava prelegsalono okazis publika aranĝo, kiel fermo de la Semajno.

Prezidis D-ro Miguel Sancho Izquierdo, prezidanto de H.E.F. kaj de FRATECO, kaj S-ro Vicente Alquézar, prezidanto de "Asociación de Antiguos Exploradores y Guías de España". Akompanis ilin ĉe la prezida tablo, S-ro Emilio Fondevila, ĉefgvidanto de la trupoj de geskoltoj, S-ro Pedro Marqueta, reprezentanto de S.E.L. por Hispanujo, S-ro Víctor Ortiz kaj F-ino Inés Gastón, vicprezidanto kaj sekretariino de H.E.F. respektive.





Unue D-ro Sancho Izquierdo klarigis al la ĉeestantaro la signifon de la Semajno de Internacia Amikeco, kiu celas fari la ideon pri amikeco trans limoj, vivanta inter ĉiuj homoj.

Estas triste konsideri, li diris, ke se ne okazas monda milito, tio ne estas ĉar en la mondo ekzistas paco, tia paco kiu estas "trankvileco en la ordo"...

Kaj ne estas malpli triste pensi ke se oni ne alvenis al la milito, tio ne estas pro amo al la paco, sed pro malkuraĝo antaŭ la milito.

Kaŭzoj ne malpli gravaj ol tiuj, kiuj provokis la I-an kaj II-an mondmilitojn ekzistis nuntempe. Sed... ĉiuj timis.

D-ro Sancho Izquierdo rakontis al ni kiel impresis lin la verko "Kataki signifas malamiko" prezentita en Tokio:

Estis nur *du roluloj, du homoj*. Ilia homa naturo *impulsis ilin senti sin fratoj*. Sed, tial ke unu estis usonano kaj la alia japano, ili ne povis sentiĝi fratoj, eĉ ne amikoj: *Ili estis malamikoj*.

Doloras pensi ke ekzistas spiritaj muroj pli altaj ol tiu nomata "hontmuro" de Berlino.

*Kiuj signifas pli grandan honton.*

Kiam dissaltos tiuj muroj kiuj disigas la popolojn, kiel oni aŭguras en nia Himno? "Sed dissaltos la obstinaj baroj".

Ni daŭrigu la sekvantan strofon: "Per la sankta Amo disbatitaj".

Kiam la Amo, la sankta Amo brilos en la koro de la homoj.

Ĉar, perforte, ne povas ekzisti frateco inter la popoloj.

La amo ne povas esti trudata.

Jen bela laboro por la esperantistoj, kaj kiun la esperantismo klopodas realigi pere de diversaj iniciatoj.

Nun estas la Semajno de Internacia Amikeco.

Eble, oni diros: kiom valoras simpla mesaĝo?

*Malmulte* se ĝi estas nur, plenumo de io rutina.

*Multe,* se tiu mesaĝo alcelas subteni ligilojn, kiuj ebligas —kvankam ni estas malplimulto— ke ne ĉiuj homoj sin sentu fremdaj, kvankam inter ili ekzistas limoj.

Ni volas krei spiritajn ligilojn, eĉ se nur inter individuoj... Iam ili ekekzistos inter la landoj.

Ni pensu ke homoj konsistigas popolojn, kiuj estas regataj de homoj... Plibonigi la homojn kaj ke ili sin sentu fratoj, estas, eble, pli lanta procedo, sed pli efika ol aliaj...

Ne estas mirige do, ke por festi la Semajnon de Internacia Amikeco, ni tuj pensis al la skoltoj. Ili havas saman celon kiel ni: Fratecon, Amikecon, Pacon...

Krome, en Hispanujo, la geskoltoj ĉiam estis en bonegaj rilatoj kun la esperantistoj.

Fine, mi dankas al S-roj Alquézar kaj Fondevila, kiel Prezidanto kaj Trupestro de la Zaragoza-aj geskoltoj, pro la afabla kaj sindona kunlaboro por la sukceso de la Semajno.

Sekve, S-ro Alquézar, per sia karakteriza parolflueco prezentis la paralelecon ekzistantan inter la skolta kaj esperanta movadoj.

Unue, li dankis D-ron Sancho Izquierdo pro liaj afablaj vortoj, kaj esprimis sian kontentecon havi okazon interveni en tiu aranĝo.

Li rakontis al ni, kiamaniere, en la jaro 1924, la viruso de Esperanto penetris en la vicojn de la Zaragoza-aj skoltoj kaj tuj sekve en la vicojn de la hispanaj skoltoj, kaj priskribis la emocion de ĉiuj sentita, konstatante kiel ili interkompreniĝis kun la anglaj geskoltoj alvenintaj al Zaragoza dum somero 1925. Tre interesaj estis la detaloj pri la organizado kaj efektivigo de la VI-a SEL-Tendaro organizita de la Zaragoza-aj skoltoj en OZA (Hecho - Huesca) en la jaro 1927.

De tiam, efektive, esperantistoj kaj skoltoj estis en bonegaj rilatoj, ĉar ambaŭ movadoj havas samcelan paralelecon. D-ro Sancho Izquierdo parolis pri la esperantista Himno... Kion ni diros pri nia Himno...? li diris.

"La leprululceroj —kio estas por la Kristanoj?" oni demandas.

"Se en la leprulo oni vidas fraton —ili estas Lumo, Karito kaj Amo!", estas la respondo.

Homama celo tiu de la esperantistoj. Homama celo estas la nia.

Plibonigi la homojn... Tiu estas la celo de la skoltismo; tia estas aŭ intencas esti nia laboro.

La skolto ĉiutage, faras almenaŭ UNU BONAN AGON. *Faras; ne, devas fari.* De kiam novuloj, solene promesas plenumi siajn devojn kaj obei la Skoltan Leĝaron, pri lojaleco, fideleco, frateco, kuraĝeco, ktp., tiuj leĝoj fariĝas definitivaj jesoj; la skoltoj, la veraj skoltoj, ne plu devas esti; *Ili estas!!!*

Kiam la malnovaj skoltoj grupiĝis kaj fondis nian asocion, ni tuj pensis krei tiujn Trupojn sub la nomo, GUIAS DE ESPAÑA, kiuj tiel bone kaj entuziasme funkcias dank' al la sindonemo de S-ro Fondevila.

Ni esperas ke la okazigo de tiu Semajno, kiu revivigis malnovajn ligilojn inter ni, estu bazo de nova kunlaboro. Niaj geskoltoj tre deziras lerni Esperanton. Ili estas bona grundo por via semado, ĉar ili jam akceptis la principon de tutmonda paco.

Mi do, petas al vi instruistojn de Esperanto por niaj geknaboj.

Varmaj aplaŭdoj premiis ambaŭ interdirojn.

Por la fino, oni prezentis du filmojn en Esperanto ,afable senditajn de FIAT.

Ili estis "Renkonto kun FIAT" kaj "Operacio Sekureco"; ambaŭ estis tre laŭdataj de la ĉeestantoj, kiuj kun vera intereso sekvis la prezentadon.

La tagĵurnaloj kaj Radiostacioj de Zaragoza, anoncis la okazigon de la Semajno kaj raportis pri ĝi.

***Fratecano***

Ni deziras ke tiu kunlaboro, sub tiel bonaj aŭspicoj rekomencita, daŭru, por ke dum la proksima ĵamboreo en Tokio, la flago de la geskoltoj el Zaragoza flirtu en la japana aero, same kiel dum la ĵamboreo okazinta en 1929, flirtis en la brita. Kaj por ke ĉiuj hispanaj partoprenontoj scipovu la Internacian Lingvon.

*Red.*

*MIERES*

Okaze de la Semajno de Internacia Amikeco, la esperantistoj el Mieres organizis publikan prezentadon de filmoj, nome: "Esperanto en Mieres" kaj "Hispanaj Kongresoj de Esperanto okazintaj en Valencia kaj Palencia".

Ambaŭ filmoj estis tre laŭdataj de la multnombraj ĉeestantoj kiuj plenigis la salonon, tial ke en Mieres ekzistas granda entuziasmo kaj intereso por la Internacia Lingvo.

H.E.F. pretigis kaj dissendis 5.000 ekzemplerojn de afiŝetoj por anonci la Semajnon.

Ni ricevis informojn de niaj Sekcioj kaj de kelkaj Grupoj kaj unuopuloj, kiuj bone plenumis sian taskon disdonante ilin.

## ADOPTA PLANO DE SKOLTA ESPERANTISTA LIGO

*Mondvasta agado inter la Skoltoj*

Verŝajne la Skolta Movado kun 11 milionoj da membroj en 150 landoj, estas la plej grava internacia junulara organizo. Unu el la bazoj de Skoltado estas stimuli internacian amikecon kaj fratecon per kunvenoj ("ĵamboreoj").

Pasintjare la uzo de Esperanto kiel dua lingvo dum ĵamboreo en Britujo estis tiom sukcesplena, ke la Skolta Esperantista Ligo nun kuraĝas komenci tutmondan propagandan agadon.

Celo estas ke lokaj esperantistoj adoptu skoltajn grupojn, kaj donacu al ili senpage unu ekzempleron de speciale lernolibro por skoltoj.

Tio okazu samtempe dum la unua semajno de septembro. Intertempe la delegitoj de ĉiuj naciaj skoltaj asocioj ricevos la saman libreton dum la kunveno de la Monda Skolta Konferenco en Helsinki. La Direktoro de la Monda Skolta Oficejo jam skribis al ni ke li "...estas feliĉa pro nia agado por tia utila lingvo..." La libro estas modesta, sed belaspekta ofsetita verko, kies speciala porskolta enhavo certe faciligos viajn klopodojn. Ni invitas ĉiujn esperanto-klubojn, kaj esperantistojn al kunlaboro. La prezo estas 50 ptoj.

En la libro estas loko por enskribi la adreson de la donacinto, por ke daŭra kontakto estos ebla. La prezentado de la libreto donos al vi bonegajn eblecojn por rakonti ion pri viaj spertoj kiel esperantisto, vojaĝoj, ktp.

Samtempe la ĝenerala sekretario de Skolta Esperantista Ligo petas al vi, ne skribi petojn kaj admonojn al skoltaj instancoj pri la ĵamboreo en Tokio. Ni nun havas altnivelajn kontaktojn kun ili, kaj sendado de ĉiaj paperaĵoj nur povas malbone impresi. Se necese ni petos vian helpon.

Ekzemplerojn de la verko mendis jam por vi Libroservo de H.E.F., rezervu jam la vian, ne atendu por tion fari ĝis la lasta tago.

DONATIVOS PARA "BOLETIN" 1969

| | | Ptas. |
|---|---|---|
| *Suma anterior* | | 3.745 |
| Familia Criach | *Sabadell* | 305 |
| M. Manteca | *Benidorm* | 50 |
| M. Manteca | *Icod de los Vinos* | 50 |
| Un esperantista | | 350 |
| V. Pérez Torres | *La Cuesta* | 370 |
| M. Luis Dorta | *La Cuesta* | 370 |
| M. Elézcano | *Bilbao* | 100 |
| J. Ventura | *Tarrasa* | 50 |
| P. Moreno | *Madrid* | 50 |
| J. Figueras | *S. Esteban de Bas* | 50 |
| F. Bermejo | *Madrid* | 50 |
| A. Marco | *Zaragoza* | 25 |
| M. Solá | *Tarrasa* | 50 |
| A. García | *Bilbao* | 100 |
| J. Perarnau | *Tarrasa* | 850 |
| E. Herrera | *Bilbao* | 100 |
| M. Esteban | *Zuera* | 50 |
| A. Núñez | *Pamplona* | 50 |
| D. Cebollero | *Zaragoza* | 50 |
| J. Guitart | *Barcelona* | 100 |
| A. Gomila | *Barcelona* | 100 |
| J. Gironés | *Barcelona* | 60 |
| B. Serra | *Barcelona* | 70 |
| | | 7.145 |

## PAJLERO EN FREMDA OKULO (NI FOSU NIAN SULKON)



*Salvador Gumá*

Sur la fronta paĝo de Boletín, organo de la hispanaj esperantistoj (n.° 5, majo 1957) aperis sciigo pri tre grava decido de la hinda registaro: Oficialigo de la internacia, decimala mezursistemo, kaj maloficialigo de la angla. Sekvas komentario de nordamerika gazeto kaj noto de la redaktoro, kiu mienas mokete al landoj, kies registaroj pro nekomprenebla rutinemo preferas malhavi la profiton de la klara, simpla, scienca, artefarita sistemo; sed ni?

Kian mezursistemon havas nia esperantista popolo? Ĉu vi ĉie trovas la esprimon de mezuroj laŭ la decimala, internacia, aŭ kontraŭe vi trovas plej ofte naciajn apartaĵojn de vi nekomprenatajn? Persone mi puŝiĝis interalie kontraŭ Klaftoj, Verstoj, Mejloj, Funtoj. Ĉu plaĉas al vi, leganto, ekpreni dum legado vortaron por serĉi la valoron de tiuj absurdaj mezurovortoj fremdaj al vi? Kaj, trovinte la valoron, ĉu vi "sentas" klare la grandon, se vi antaŭe ne tradukis en vian sistemon?

La esperantistoj estas homoj kiel la aliaj; "la aliaj" scias nur siajn, ne ĉies mezurunuojn. *Kio okazus, se ni enŝovus en nian vortaron po nur dek ĉefaj mezurvortoj de ĉiu nacio?* Ni venus al absurdeco. Tiel grava estas la fakto, ke se ne ekzistus jam la metra sistemo, la esperantistoj devus elpensi ian ĉar kia kompreno estus ekz. inter ĉino esprimanta sin per lioj, ruso per arŝinoj, anglo per futoj?

Pli grave ankoraŭ, se uzante la vorton Mejlo, iu komprenus 1609 metrojn, alia 1420 m., kaj alia 1852 m.! Unu Tuno, ĉu 1000 kilogramoj aŭ 1016? Unu Galjono, ĉu 4,546 litroj aŭ 3,7853 litroj? Por la angloj 4 litroj, por usonanoj nur tri; kaj se du samlingvaj, gravaj popoloj havas malsaman komprenon, kiel estos al ni, loĝantoj de la plej sensignifa mondoparto?

Verkantoj en Esperanto, viajn mezurvortojn rezervu por ennacia uzado, kaj skribu por ni nur tiujn de Internacia Decimala Sistemo. Tradukantoj en Esperanton, traduku ankaŭ laŭ metra sistemo la valoron de la originalaj mezurvortoj. Tiel la scienca metra sistemo iros nedisigeble kun Esperanto, plivalorigante ĝin, kaj nia vortaro ellasos la balaston de la sekvantaj 26 vortoj: Akro, Arŝino, Buŝelo, Colo, Drakmo, Funto, Futo, Galjono, Groco, Hubo, Jardo, Karato, Klafto, Lodo, Lineo, Lio, Mejlo, Pindo, Rismo, Siklo, Stofo, Tonelo, Tuno, Ulno, Unco, Versto, kies morton oni povas verdikti, se oni volas eviti ke pro logiko oni ŝovu iom post iom en nian vortaron centojn da niaciaj, malsciencaj mezurunuoj.


### «ESPERANTO» estas via revuo

La monata organo de U.E.A. "Esperanto" estas nun tiel interesa laŭ la enhavo tiel alloga laŭ la interna teknika aranĝo kaj laŭ la ekstera aspekto, ke estas plezuro ĝin ricevi kaj legi. "Esperanto" estas la plej internacia el ĉiuj periodaĵoj aperantaj en la Internacia Lingvo. Ĝi estas legata en pli ol 80 landoj. Ĉiuj membroj-abonantoj de U.E.A. ricevas ĝin senpage, sed ĝi estas abonebla ankaŭ aparte.

Apartenu al la plej vasta Esperanta legantaro de la mondo! Aliĝu jam hodiaŭ al U.E.A. kiel membro-abonanto (MA). Kiel tia, vi ricevos ankaŭ la Jarlibron de U.E.A., kiu entenas ĉion, kion vi bezonas por viaj praktikaj celoj.


La malbono kiun ni faras ne altiras al ni tiom da persekuto kaj malamo kiom niaj bonaj kvalitoj.



## MADRIDA ESPERANTO-LICEO

La 6-an de februaro okazis la Ordinara Generala Kunveno de nia Liceo.

Malgraŭ la malgranda nombro da partoprenintoj, oni pritraktis kelkajn nesolvitajn aferojn. La Informado en junularaj medioj kaj serĉado de sidejo por nia asocio, estas la ĉefaj punktoj pritraktitaj.

Laste —kiel kutime— oni elektis novan estraron konsistanta el jenaj personoj.

Prezidanto, S-ro Angel Figuerola Auque; Vicprezidanto, S-ro Raimundo Ibáñez Crespo; Sekretario, S-ro Fernando Rodríguez Granel; Kasisto, José María González Aboín; Voĉdonantoj, S-roj Gerardo Flores Martín, Félix Gómez Martín, Manuel Figuerola Palomo kaj Fabriciano Bermejo Domínguez.

## VALLADOLID

GENERALA KUNSIDO DE "FIDO KAJ ESPERO"

La pasintan 16-an de februaro, en la sidejo de la Grupo, okazis la ordinara Generala Kunveno, kun 36 ĉeestantoj.

Unue la Sekretariino legis la Akton de la pasinta Generala Kunveno.

Sekve estis legita la raporto de la laboro farita dum la pasinta jaro 1968-a, kiu plaĉis multe al ĉiuj. Pri la ĉefaj eventoj, jam aperis siatempe raportoj en BOLETIN, do, ni ne ripetas ilin.

La financa situacio estas bona, ĉar ni havas favoran saldon, do, ĉiuj restis kontentaj.

Oni elektis la novan estraron kiu gvidos la Grupon dum la nuna jaro. Ĝi konsistas el la jenaj membroj:

Prezidanto, Antonio Gil Contreras; Vicprezidanto, Antonio Gamboa Sánchez; Sekretariino, María Rafaela Urueña; Vicsekretario, Luis Martín Herrero; Kasisto, Gonzalo Castañón Marcos; Kontisto, Juan Manuel Piquero Muñiz; Bibliotekisto, Mauro López Nalda; Voĉdonantoj, María García Martín, Jesús Hinojal Abia, Clementina Tranque Iglesias.

Fine oni faris diversajn sugestojn, kiel paroli pli ofte Esperanton, pere de legado, teatraĵoj, ekskursoj, ktp.

Tiel finiĝis la Generala Kunveno.

*M. R. Urueña*

# KULTURAJ ARANĜOJ

Esperantista Kulturdomo KASTELO DE GRESILLON
Kulturaj Aranĝoj 1969

Dum la Paskaj Ferioj: 6 - 12 aprilo. Komenca Kurso de Esperanto per rekta metodo. Praktikado de la lingvo.

Dum somero: 29. VI - 13. VII. Esperantaj Studoj (Komenca Kurso kaj praktikado). La franca Lingvo per Esperanto.
20. VII - 3. VIII. Kulturaj kaj Turismaj Internaciaj Ferioj.
13 - 30 julio. 8-a Kultura Semajno.
3-a - 24-a aŭgusto. Kulturaj Esperantistaj Semajnoj.
24. VIII - 7. IX. Studperiodo kaj Seminario por kurs- kaj grupgvidantoj.

INTERNACIAJ FERIAJ KURSOJ
Helsingør, Danlando
20 - 26. 7. 1969

AŬTUNAJ FERIAJ KURSOJ
Aarhus, Danlando
19 - 25. X. 1969

Informoj: S-ro L. Friis
Ingemannsvej 9, 8230 Aabyhøj. Danlando.

## ✳ Ni legis por vi...

*VOJO. — Aŭtoro, José María Escrivá de Balaguer. Tradukis, Nicolás López Escartín. Eldonisto, Ediciones Rialp, S. A. Presejo, Tip. Boloix. 320 paĝoj. 9,5 × 13,5 cm. Prezo, 140 pesetoj (2 dolaroj).*

La plej grava verko pri spiritualeco de la lastaj tempoj "CAMINO" (VOJO) de la fondinto de "Opus Dei" jam estas tradukita al Esperanto. Ni povas fieri pro tio.

La 320-paĝa libro aperis en Madrido okaze de la 53-a Universala Kongreso de Esperanto.

Paroli pri la graveco de la famkonata verko de Monsinjoro Escrivá de Balaguer, markizo de Peralta, estas tiel naive kiel malkovri la Mediteraneon. Sufiĉas diri ke ĝis nun aperis tradukoj de la verko en 16 diversaj lingvoj, kun pli ol du milionoj da ekzempleroj. La nombro de eldonoj faritaj estas pli ol 16. Kaj nun estas preparataj tradukoj al aliaj 15 lingvoj. La verko, do, estas famkonata en la tuta mondo.

La esperantan tradukon el la hispana originalo faris S-ro Nicolás López Escartín el Zaragoza. La afero ne estis simpla ĉar la enhavo de la verko estas tro densa, ĝi konsistas el 999 memstaraj paragrafoj riĉenhavaj kvazaŭ sentencoj.

Tamen li per sia proverba majstreco sukcesis trovi la ĝustajn vortojn en ĉiu momento.

Ni varme rekomendas tiun modelan verkon al ĉiuj, ĉar ĉiuj estas vokataj al sankteco, ĉar ĝi estas tute plena je saĝeco kaj homeco.

Pro la strukturo de la verko, malgrandaj kaj sendependaj paragrafoj, ĉiu povas trovi sufiĉe da tempo, en ĉiu momento por la legado, ĝisfunde, de unu aŭ du sentencoj. Plie ĝia poŝformato favoras tion.

Per ĝia senĉesa prakticado, oni plibonigos la animon kaj la scipovon de la lingvo.

*F. de la Puente*

*William Shakespeare: SOMERMEZNOKTA SONĜO. Komedio. El la angla tradukis Kálmán Kalocsay kun aldono de "Komentario". Kovrilo de Jan Schaap Jr. Stafeto: Beletraj Kajeroj, 31 (erare presita: 30). J. Régulo, Eldonisto, La Laguna, Kanariaj Insuloj, 1967. 12 × 18,5 cm. 100 paĝoj. Prezo: 1.50 usonaj dolaroj (aŭ egalvaloro).*

Jen gravega verko. Oni povas supozi ke, dirante tion mi ne parolas recenze pri la originalo verkita de nia alteŝatata konato —kvazaŭ li estus samtempulo nia— W. Shakespeare, ĉar ni sufiĉe scias kiel fama kaj senmorta estas "A Midsummer Night's Dream". Mi certe skribas pri la eksterordinare ĝuste kaj fajna traduko, kiun entreprenis, kaj efektivigis, unu el la plej kompetentaj tradukistoj de Esperantujo, Kálmán Kalocsay.

La "Somermeznokta Sonĝo" estas, laŭ pluraj aspektoj, la plej bela kaj perfekta komedio el tiuj, kiujn la kolosa angla poeto verkis. Jen, en la mirinda tutaĵo kiu estas simfoniado je poezio, fantazio superdoza kaj akrevida observado pri homaj reagoj, ludas, kvazaŭ sendepende, tri ĉefaj argumentoj, kiuj, tamen, kunligiĝas laŭ perfekta ekvilibrigita ordo. Jes; ni miras pri rolado de Hipolita, Tezeo kaj iliaj korteganoj; kaj ankaŭ pri tiu de Hermia kaj Lisandro, Helena kaj Demetrio. Ni miras, aŭ pli bone ni ensorĉiĝas, pri gefeoj —kaj inter ili reĝino Titania kaj reĝo Oberono. Kaj ni ne forgesu la simpatian koboldon Pukk: ili disvolviĝas meze de fantasta atmosfero, en kiu ne forestas la homaj sentimentoj Shakespeare evidentiĝas plej supera poeto, kaj li trafas la plej altajn esprimojn per dialogoj plenaj je delikataj nuancoj, ĝustaj atingoj kaj suplaj ironiaĵoj: ĉio aspektas eksternature. Tial, ne strange, tiun komedion diversfoje oni ankaŭ prezentis surekranen, por tiel vastigi la scenejan spacon de tiu poezia mondo.

Kaj, dirinte tion, mi ripetas: jen gravega verko de K. Kalocsay. Mi ne scipovas la anglan, sed mi faris multajn komparojn kun fidinda kastillingva traduko. Kaj tiel, mi povis profite konstati kiel la tradukisto trafe ĵonglis per plej efikaj rimedoj kaj eblecoj altkapablaj, preskaŭ magiaj, de eminenta kulturlingvo, kaptante kaj redonante la esencon de la originalo. Fari trastudajn komparojn de la ellaboritaĵo de K. K. kun la originalo, aŭ kun alilingva bona traduko, estas ekzercado lingva tre profitdona, kiun mi varme rekomendas.

Kalocsay ĉiam tradukas rekreante: jen evidentaĵo eksterordinare grava, kaj des pli, ĉar li ĉiam kapablas laŭiri relojn de fideleco modela. En tiu ĉi

recenzata verko li ankaŭ majstras. Ni notu, aŭ avertu, ke li enkondukas diversajn beletrajn neologismojn, kiuj eble faciligis lian poezian traduktaskon. Sed mi firme kredas ke tiuj novaj, aŭ pli bone, anstataŭigaj vortoj, ne estas konvenaj en simpla prozo. Jen la danĝero! Jen kelkaj: ĉipa (malmultekosta); disdegni (malŝati); hati (malami); mava (malbona); skoldi (mallaŭdi); vringi (premtordi); minca (maldika) ktp.

"Beletraj Kajeroj" de STAFETO metis ree sur la verdan ludotapiŝeton gravan atuton.

*G. Mora*

*Edmond Privat: VIVO DE GANDHI. Biografio. Antaŭparoloj de Eric Descoeudres kaj Pierre Hirsch. Kovrilo de Jan Schaap Jr. Stafeto: Beletraj Kajeroj, 32. J. Régulo, Eldonisto, La Laguna, Kanariaj Insuloj, 1967. 12 × 18,5 cm. 172 (160 + 4 + 8 bildaj) paĝoj. Prezo: 2.00 usonaj dolaroj (aŭ egalvaloro). 140 ptoj.*

STAFETO prezentas al ni gravan verkon de grava aŭtoro. En okcidentaj landoj kiel en la cetera mondo, oni multe aŭdis, legis kaj parolis pri Ghandi; sed tamen, kiu scias ĝuste, kia estis tiu Homo, kiu antaŭ ĉ. 50 jaroj movis milionojn da hindoj, gvidis ilin al difinita celo, konvinkis ilin agadi nur por la forto de la spirito?

Edmond Privat estis amiko de Ghandi, eĉ akompanis lin al Hindujo; tial malmultaj homoj povis pli precize priskribi lian' vivon, lian doktrinon, lian kredon kaj lian morton.

La esperantistoj havas la privilegion legi rekte el la mano de E. Privat tiunĉi rakonton, veran, faktan, okazintan, sed tamen ŝajne nerealan pro la mensa alteco de Ghandi, kiu, konvinkite ke la forto naskas forton kaj la atakoj atakojn, forpuŝis ilin eĉ antaŭ la angla polico kiam tiu-ĉi disbatis kruele amason da homoj manifestaciantaj pace sur la stratoj. "Ne la forton!" diris Ghandi eĉ antaŭ la mil buĉitoj kaj trimil vunditoj de tiu mortotago.

La verko konsistas el 63 nelongaj ĉapitroj kiujn oni glute legas pro la ĉiam pli avida interesiĝo: Kion do ankoraŭ faris tiu preskaŭ senkorpa homo?

Kiam ĉie sur la Tero, la Forto kaj la Morto tiel vigle falĉas homojn, la verko "Vivo de Ghandi" devus esti la ĉiutaga pensiga preĝlibro de la regantoj. Mi citas la lastajn vortojn de E. Privat: "Kiel diris Einstein, ni devas nun elekti inter la vojo de Ghandi aŭ la fina detruo".

Mankas en la libro glosoj por ne tre konataj vortoj kiel *baniao, guĝarato, viŝmano, ĝaina, siko, parsio, buro, zamindaro, patano, kaj kŝatrio.*

La lingvostilo de Privat estas konata kaj ŝatata pro sia klareco. Tamen, naŭze ŝokis min la sistema uzado de la nefundamenta, neoficiala kaj ne internacia i-sufikso por landnomoj. Kiam de sur la pinto de nia movado oni severe admonas nin al lingva unueco, oni mire trovas sur preskaŭ ĉiu paĝo de "Vivo de Ghandi" verkita de Privat kaj Eldonita de Stafeto ne nur la vortojn Anglio, Britio, patrio, Bengalio, Hindio, ktp. sed ankaŭ Sudafrikio kaj Kanadio!

En la antaŭparolo de Eric Descoeudres mi trovas strangaĵon: "Se la faktoj pruvas, ke oni eraris en sia kredo, *endas* rekoni *sian* eraron". Tie-ĉi, endas = oni devas... rekoni; kaj ne, devas esti... rekonata. Vivu la logiko! Mi preferus tiel: "Se la faktoj pruvas ke oni eraris en sia kredo, oni rekonu sian eraron", sen la *end* kaj kun korekta *sian.*

"Sen kulpi nejuston kaj sen suferigi aliulon." La preprozicioj antaŭ infinitivo naskas kunmetitan vorton en la oreloj de aŭdanto ,kaj tiel, la intencita signifo *nesuferigante,* fariĝas *sensuferigi* = depreni la suferon, kio estas tute alia. Resume, la granda valoro de "Vivo de Ghandi" perfekte stompas la nigrajn punktojn, kiujn mi indikis.

*S. Gumá*

*VIKTIMOJ DE LA ATOMBOMBO. Travivaĵoj de atomvunditoj en Hiroŝima. Tradukis: JUI-Ĉunoŝin. 13 × 18. 134 paĝa. Asake-Syoboo, Tokio, 1968.*

*CLAVE DE ESPERANTO. Alberto Gómez Cruz. Esperanto-Ŝilosilo, Esperanto-Hispana Vortaro (Unua Eldono) 13 × 20. 58 paĝa, broŝurita. Guadalajara, Jal (Meksiko). Prezo: 25 ptoj.*

*LATVA POEZIO 1945-1966. Redaktis: Eduards Jaunvalks. Tradukis: E. Lippe kaj M. Jakubcová. Antaŭparolo de M. Burgmeister. 10 × 14, 70 paĝa kajero. Eldonejo "Zvaigzne" Riga, 1968.*

*Balance en* 31 *de diciembre de* 1968.

| | | | |
|---|---|---|---|
| **COBROS** | | | |
| Superávit en 31 de diciembre de 1967 ... ... | | 16.114,39 | |
| Cotizaciones ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 66.044,— | | |
| Complementos voluntarios cotización ... ... | 130,— | | |
| Cuotas de extranjeros ... ... ... ... ... ... ... | 3.030,— | | |
| Donativos ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 10.635,— | | |
| Venta material ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 985,— | | |
| Lotería ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 250,— | | |
| Intereses ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 337,90 | | |
| Libroservo 1967 ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 14.039,50 | 95.451,40 | 111.565,79 |
| **PAGOS** | | | |
| *Boletín:* | | | |
| Composición e impresión ... ... ... ... ... ... | 59.974,— | | |
| Fotograbado ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 11.119,— | | |
| Sobres ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 1.675,— | | |
| Inscripción "Boletín" ... ... ... ... ... ... ... | 2.500,— | | |
| Gratificación Director ... ... ... ... ... ... ... | 1.000,— | | |
| Campaña Navidad ... ... ... ... ... ... ... ... | 250,— | 76.518,— | |
| Cuota de U.E.A. 1968 ... ... ... ... ... ... ... ... | 3.920,— | | |
| Informaoficejo ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 2.000,— | | |
| Información y propaganda ... ... ... ... ... ... | 7.858,— | | |
| Papel, sobres, tarjetas, etc. ... ... ... ... ... | 929,75 | | |
| Impresos ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 405,— | | |
| Telegramas ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 126,60 | | |
| Sellos de correos ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 9.773,60 | | |
| Fotocopias ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 110,— | | |
| Postales alegoría ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 120,— | | |
| Material escritorio ... ... ... ... ... ... ... ... | 356,50 | | |
| Limpieza y arreglo máquina ... ... ... ... ... | 350,— | | |
| Tasas Gobierno Civil ... ... ... ... ... ... ... ... | 25,— | | |
| Lotería ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 290,— | 26.264,45 | 102.782,45 |
| *Superávit en* 31 *de diciembre de* 1968 ... ... | | | 8.783,34 |

*María Pilar Gómez, Tesorera*

ELDONA FAKO DE H.E.F.

*He aquí las cuentas de esta sección:*

| | | | |
|---|---|---|---|
| Capital a amortizar ... ... ... ... ... ... ... ... | | | 3.922,— |
| **GASTADO** | | | |
| Material diverso ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 18.543,50 | | |
| Folletos turismo (traducciones) ... ... ... ... | 28.042,— | 46.585,50 | |
| **INGRESADO** | | | |
| Venta material ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | | 45.219,50 | 1.366,— |
| Debe la Eldona Fako ... ... ... ... ... ... ... ... | | | 5.288,— |

LIBROSERVO DE H.E.F.

*Resumen de cuentas* 1968:

| | |
|---|---|
| Cobrado de libros, etc. ... ... ... ... ... ... ... | 93.744,19 |
| Pagado de libros, etc. ... ... ... ... ... ... ... | 74.000,20 |
| *Beneficio* ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 19.743,99 |
| Gastos generales ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 1.116,70 |
| Beneficio líquido ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 18.627,29 |

*Inés Gastón*



## 1970-INTERNACIA JARO POR EDUKADO

La 23-a Sesio de la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj unuanime decidis deklari la jaron 1970 "Internacia Jaro por Edukado".

En mesaĝo eldonita tuj post la akcepto de la rezolucio, s-ro René Maheu, la ĝenerala direktoro de Unesko, emfazis, ke la Jaro devus esti pli, ol nura celebrado. "Ĝi devas centrigi la klopodojn de la Ŝtatoj-Membroj kaj de internaciaj organizaĵoj", li deklaris, "al kvar ĉefaj celoj: konstati la nunan situacion tra la mondo; fokusi la atenton al nombro da ĉefaj problemoj en la plivastigo kaj plibonigo de la instruado; turni pli da rimedoj al la bezonoj de edukado; kaj plifortigi la internacian kunlaboron".

La plej nova eldono de la Statistika Jarlibro de Unesko montras, ke dum la periodo 1960-1965 forte kreskis la nombro de lernantoj kiuj eniradas la lernejojn de la mondo. Kreskis la nombro de lernantoj en elementaj lernejoj per 27 %, en mezlernejoj per 22 % kaj en pli altaj lernejoj per 40 %.

Aliflanke, ĉiujare kreskas per ĉ. 20 milionoj la nombro de homoj, kiuj scias nek legi nek skribi. Nuntempe la suma nombro estas ĉ. 750 milionoj. Malgraŭ tiu absoluta kresko (pro la daŭra kreskado de la monda loĝantaro), la relativa nombro, t.e. la procento, malkreskas: en 1950 ĝi estis 44,3 %, en 1960 jam nur 39,3 %, kaj oni kalkulas, ke en 1970 estos ne pli ol 33,3 %.

## EL LA STATISTIKA JARLIBRO DE UNESKO

Ĵus aperis nova, 519-paĝa volumo de la Statistika Jarlibro de Unesko. Ĝiaj tabeloj ampleksas informojn pri loĝantaro, instruado, bibliotekoj kaj muzeoj, libro- kaj gazet-produktado, filmoj kaj kinejoj, radio kaj televido.

Sur la kampo de libro-produktado (laŭ la nombro de titoloj de novaj eldonaĵoj) elstaras Soveta Unio (72.977 titoloj), Usono (58.517), Japanujo (30.451), Britujo (28.789), Francujo (23.823), F. R. Germanujo (22.720), Hispanujo (19.040), Hindujo (12.123), Nederlando (10.582) kaj Polujo (9.001). La plej grandan kvanton da papero foruzis Nord-Ameriko (9 milionoj da tunoj, el tutmonda kvanto 18,1 milionoj).

La ĉefaj film-produktaj landoj estas Japanujo (719), Hindujo (316), Tajvano (257), Italujo (245), Honkongo (171), Usono (168), Hispanujo (160), Soveta Unio (159), Koreujo (142) kaj Francujo (130).

## STUDENTOJ-ARBITRACIANTOJ EN USONAJ UNIVERSITATOJ

Speciala studenta komitato ĵus estabilita en la ŝtata universitato de Florida servos kiel "kolektiva arbitracianto" pri ĉiuj studentaj demandoj. La prezidanto de la universitato petis la komitaton esplori ĉiujn plendojn de la studentaro kaj revizii tiujn regulojn kaj metodojn, kiuj influas la studentan vivon.

Unu kolegio de la universitato de Texas, aliflanke, nomis elstaran studenton pri juro "studenta arbitracianto". La dekano anoncis, ke li servos kiel esploranto de ĉiuj plendoj kaj povos rekomendi solvojn.

## KONSERVEJOJ REKOMENDITAJ POR ĈEMARAJ LANDOJ

Marsciencisto rekomendas al Tanzanio kaj aliaj ĉemaraj landoj starigi specialajn konservejojn kaj "parkojn" por savi valorajn marestaĵojn de pereo. D-ro Carlton Ray, la koncerna fakulo, faras tiun rekomendon en raporto eldonita de The Conservative Foundation, senprofita esplororganizaĵo en Vaŝingtono.

"La mara regno", skribas D-ro Ray, "estas tre fekunda, sed ankaŭ tre delikata kaj facile detruebla per homaj agadoj". Li konstatas, ke "jam multaj specioj malaperis" kaj aparte avertas pri la danĝero, ke malaperos baldaŭ ankaŭ la verda martestudo kaj la dugongo. Ray kondamnas diversajn nuntempajn praktikojn —ekzemple la uzon de dinamito por fiŝkaptado— kaj rekomendas krei rezervejojn, kiuj servus samtempe por turismo kaj amuzo kaj ankaŭ por protekto de marestaĵoj. (Laŭ Unesco Features kaj Informa Servo de U.E.A.).

# HO, LA EDZOJ

Edzoj —flustris mia edzino— ĉiam forgesas datojn kiujn ili devus bone memori. Edzoj ĉiam forgesas la naskotagon de siaj edzinoj.

Kaj mi diskrete gratis mian kapon, faris teruran mensan fortostreĉon kaj diris:

—Ne. Ne ĉiuj edzoj forgesas la naskotagon de siaj edzinoj. Mi, ekzemple, memoras ĝin.

—Nu —ŝi diris—. Diru, en kiu dato oni naskis min? Diru.

Mi regratis mian kapon, ĉifoje pli forte, kaj flustris:

—Via naskotago! Nu, vi atingos nun tridek naŭ jarojn...

—Tridek du! —emfaze korektis mia edzino.

—Bone! Tridek du! —mi cedis—. Kaj vi atingos tiun aĝon la... Mi memoras ke en majo... Ne! En septembro! La 13an de... Ne! La...

Kaj tiam ŝi duonfermis la okulojn, kun profunda malĝojo kapmovis kaj flustris:

—Edzoj estas tiaj: ili ĉiam forgesas la gravajn datojn. Sed ne gravas, karulo. Ne necesas ke vi donacu al mi ion. Mi rezignacie akceptas ĉi tian vivon kaj ĉion mi akceptas kontente por ne detrui la pacon de nia hejmo.

Kaj kvankam al mi ŝiaj plendoj ŝajnis iom troigitaj, kun la deziro konservi la hejman pacon, mi pli frue ol kutime forlasis la oficejon, trairis kelkajn stratojn kun luksaj butikoj, kaj elektis belan donacon por mia edzino, kiun oni volvis per belega travidebla papero kun bildoj de floretoj, kaj oni pagigis al mi kiel se ĝi estus volvita per oraj lamenoj kun rubenoj kaj smeraldoj.

Tiuvespere mi donis ĝin al mia edzino, kiu vigle babiladis kun amikino. Kaj mia edzino dankis mian donacon per varmaj kisoj surfrunte kaj surnaze, kaj diris al ŝia amikino ke mi estas tre amema, tre amema, tre amema.

Mi purigis la ruĝajn stampojn kiujn mia edzino malavare kaj abunde lasis sur mia vizaĝo. Poste mi sidiĝis sur brakseĝon por legi ĵurnalon. Sed mi ne povis legi ĝin, ĉar la vigla konversacio de mia edzino kaj ŝia amikino ne permesis al mi koncentriĝi en la legado de interesaj insultoj diritaj de leĝisto en Parlamentejo. Tial mi decidis aŭskulti ilian babiladon, kaŝite malantaŭ la ĵurnalpaĝoj.

—La edzoj —diras la amikino—, ĉiam forgesas la daton de nia naskotago. Mia edzo neniam memoras ĝin. Ĉu tio ne estas mirinda?

—Ĝi estas bonŝanca por ni —diris mia edzino—. Ĉi jaron li jam donacis al mi orĉenon en februaro, pelton en junio, silkan robon en septembro, kaj ringon en decembro. Kaj vi, kion vi ricevis de via edzo?

—Mi, horloĝon en januaro, bluzon en julio, kaj antaŭ kelkaj tagoj belegan mansakon.

*Diego SELSO*


**54-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO**

Okazonta en Helsinki de la 26. VII - 2. VIII 1969

Sub la Alta Protektado de

D-ro Urho Kaleva Kekkonen, Prezidanto de Finnlando

Konstanta adreso: Nieuwe Binnenweg 176. ROTTERDAM - 2. Nederlando.

## 25-a INTERNACIA KONGRESO DE T.E.J.O.

Okazonta en Tyresö de la 3-a al la 10-a aŭgusto

Adreso: 25-a IJK. Myggdalsvägen, 123
S-13500 Tyresö - Svedujo

---

## 24-a KONGRESO DE SAT-AMIKARO

Okazos en Parizo, 5-7 aprilo 1969

Informoj: S-ino Simone GLODEAU
115 Bld. A. Briand, 93 - MONTREUIL-SOUS-BOIS. Francujo.

---

## I-a INTERNACIA BALATONA ESPERANTO FERIO

Okazonta 30. VI - 13. VII 1969

Informoj: Hungara Esperanta Junularo
Kenyérmezó u. 6. BUDAPEST - VIII. Hungarujo.

---

## V-a INTERNACIA ESPERANTISTA FERIO

Okazonta en Miedzygórze 16 - 29. IX. 1969

Informoj: Pola Esperanto-Asocio
Okcidenta Regiono, WROCLAW - 17. p.k. 16, Pollando.

---

## 11-a EUROPA FERIO-SEMAJNO EN SVISLANDO

Laurstrasse 17, CH-5200 BRUGG - Svislando

Okazos en Gwatt ĉe la lago de Thun 24 - 30 aŭgusto 1969
Informoj: S-ro Ernst Glättli

---

## INTERNACIA PEDAGOGA ESPERANTO-SEMINARIO

10 - 20-an de aŭgusto 1969

Informoj: Internacia Esperanto Seminario

pf. 227, Szeged. Hungarujo.




[redacted]

Organizita de H. E. F., okazonta en La Laguna
de la $5^a$ al la $10^e$ de julio $1969^a$
Adreso de la Organiza Komitato:
Apartado 53 - LA LAGUNA (Tenerife)

## PLEJ FREŜAJ INFORMOJ:

HONORKOMITATO. — La plej gravaj Aŭtoritatoj de Santa Cruz de Tenerife kaj La Laguna volonte akceptis partopreni al la Honora Komitato de la Kongreso. Krom tio, ankaŭ promesis ĉeesti la solenajn kunsidojn.

KONGRESEJO. — La Rectora Moŝto metis je nia dispono la Universitaton por okazigi en ĝi la XXIX-a Hispana Kongreso de Esperanto.

### *PROVIZORA PROGRAMO*

SOLENAJ MALFERMO KAJ FERMO DE LA KONGRESO

EKZAMENOJ

LABORKUNSIDOJ. — Krom la Ĝenerala Kunveno de H.E.F., okazos Laborkunsidoj de la estraro de H.E.F. kun delegitoj de Grupoj kaj Fakaj Kunvenoj.

PRELEGOJ. — La ĉijaraj prelegontoj estas: En hispana lingvo, D-ro Sancho Izquierdo kaj D-ro Herrero Arroyo, kaj en Esperanto, S-ro Moya Escayola kaj D-ro Régulo Pérez. Do, kvar prelegoj okazos ĉijare.

EKSKURSOJ. — Tuttaga ekskurso al la bazo de la Monto Tejde kaj al la turisma urbo Puerto de la Cruz, ĉe la mondfama Valo La Orotava. Duontaga ekskurso al la plej belaj lokoj de la komunumo de La Laguna.

AKCEPTOJ. — Akceptoj en la Urbodomoj de Santa Cruz de Tenerife kaj de La Laguna. Kaj regaloj de ceteraj Aŭtoritatoj dum la tuttaga ekskurso.

FOLKLORO. — Krom prezentado de folkloraj dancoj, la kongresanoj povos ĝui la plej kolorriĉan folkloran feston, kun partopreno de artgrupoj el ĉiuj insuloj de la Kanaria Arĥipelago. Ĝi estas la Folklora Procesio honore al Sankta Benito.

La kongresanoj havos rezervitajn sidlokojn.

VIZITOJ. — Estas planitaj vizitoj al la Petrolrafinejo kaj al la Cigaredfabriko.



TIP. C. BOLOIX.-REINA FABIOLA, 7.-ZARAGOZA

D. L. 53 Z - 7 - 63